2.ª Ep. AÑO I, N.º 4 (144) DICIEMBRE - 1963




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# ORDIZIA ESPERANTO GRUPO

# NOVA H. E. F. FILO !

La urbestro de Villafranca de Oria, Sro. José Sarasola, dum ĝoja tosto, okaze de la inaŭguro de la ORDIZIA ESPERANTO GRUPO. Pri nia nova grupo detale raportas Sno. F. Merayo en la mezaj paĝoj.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## Anoncetoj

* BARCELONA (Hispanio) Sro. Evaristo Gil.-Apartado 875.-Filatelaĵoj Esperantaj, pm. pk. glumarkoj, aĉetas kaj interesanĝas.

* LOCARNO (Svisujo) f-ino Irene MOLINARI.-Vía dei Fiori, 2.-Nova Kurso de Esperanto bezonas Korespondantojn.

* ZIELDNA GORA (Polujo) Dokala Guzenka.-Jean Dokolanczej, 23/I.-Pola fraulino 17-jara deziras korespondi kun hispanaj gejunuloj.

EL POPOLA ĈINIO estas senpage ricevebla dum 1964 de ĉiuj Esperantaj grupoj, kiuj sciigos al ni sian deziron kun indiko (1) nomo kaj adreso de la grupo (preslitere); (2) nombro de la membroj; (3) nomo kaj adreso de la prezidanto aŭ sekretario; (4) se estas biblioteko, ankaŭ nomo kaj adreso de la bibliotekisto. La sola devo estas elmontri la ricevitajn gazetojn dum la kluba kunveno aŭ alimaniere al la membroj.

Skribu tuj al: —Ĉina Esperanto— Ligo, P. O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio.

**Ne forgesu!**

*Granda parolisto, malgranda faristo.*

* Belajn poŝtkartojn kaj kovertojn pretigis por vi la Eldona fako de H. E. F. vide al la Esperanta kongreso okazonta en Valencio de la 21a. ĝis la 24a. de julio 1964a. Prezo: poŝtk. Kvin ptojn la deko. Koverto: kvin ptjon. la deko.

* Belaj kaj bonkvalitaj kristnaskaj kartoj estas jam je via dispono laŭ du belaj aranĝoj. Unuopaj prezoj: 2 ptojn la poŝtkart -formataj; kaj 2'50 ptojn la fald- formataj.

* Ankaŭ oni povas mendi kolorajn poŝtkartojn pri la venonta kongreso, eldonitaj en Valencio. Prezo: 2 ptojn ekzemplero,

Sendu la monon kune kun la mendo al la Sekretariejo de H. E. F. str. Marina Moreno, 35, 4.º ZARAGOZA.

# LA NACIOJ KAJ LA HOMARO

*Nicolás L. Escartín*

*La idea de una nación no es lo que ella piensa de sí misma en el tiempo, sino lo que Dios piensa de ella en la Eternidad.-Solovioff.*

En nia tempo ni havas la okazon vidi kiel la plej idealistaj politikestroj estas allogataj de la grandioza vizio de la Homaro kiel tuto. Pro tiu kaŭzo ili vidas la naciojn kiel obstaklon al la realigo de siaj planoj por starigi mondregistaron aŭ internacian ŝtaton, kaj tio vekas en ili kontraŭstaron al la naciaj faktoroj. Fakte ili ne rimarkas ke la nacioj estas psikologiaj realaĵoj kiuj enhavas venerindajn kaj veneratajn tradiciojn, emociajn ligilojn, diversspecajn fierojn, k.t.p., ĉar la nacioj ne estas nuraj individuaroj kiuj posedas komune terpecon, lingvon kaj materiajn interesojn, sed ili estas psikologiaj estaĵoj kiuj havas propran lokon kaj specifan funkcion en la granda korpo de la homaro.

Kiel psikologia estaĵo ĉiu nacio povas esti analogie komparita al iu vivanta organismo aŭ homo. Se ni preteratentas la logikajn diferencojn ekzistantaj, ni povas klare vidi ke la nacioj en la homaro estas analogaj al la organoj en la korpo: ĉiu el ili plenumas specialan, difinitan laboron, kiu rezultigas profiton kaj bonon por ĉiuj ĝenerale kaj unuope, certigante la vivantecon kaj bonfarton de la tuta organismo, de la plej malgranda ĉelo ĝis la plej granda organo.

Sekvigante nian komparon ni povas vidi ke ĉiu nacio havas korpon, materian bazon, kiun konsistigas sia teramplekso, siaj naturaj rimedoj, la korpoj de siaj civitanoj, kaj siaj materiaj posedaĵoj akumulitaj laŭlonge de la historio. Krom tio li havas emocian vivon, simila grandskale al tiu de homo. Li posedas menson pli-malpli evoluintan, propran konsciencon —tro akra kelkfoje— kaj eĉ animon kiu povas manifestiĝi en la momentoj de danĝero kaj krizo sekvigante tiel esceptajn efikojn ke la irado de la okazintaĵoj ŝanĝas definitive.

Ankaŭ estas profunda vero ke ne ekzistas nacia karaktero aŭ temperamento ĉiamdaŭra. La fleksebleco de la nacia spirito estas nepra kondiĉo por la rapida disvolviĝo kaj kultura interŝanĝo implicitaj en la atingoj de tutmonda civilizo; tamen —kaj jen io grava— *en ĉiu epoko* ekzistas —kiel ni diris— kvazaŭ «nacia personeco», kaj interne de li latentas —pli-malpli veka— «nacia misio». Do, tutmonda civilizo devas esti vivanta organismo, ne komplekso, amaso, da homogenaĵoj. La sanktaj tradicioj de la naciaj kulturoj devas esti konservataj kaj respektataj. La rolo de internacia lingvo havos do, duoblan funkcion: *transcendi la naciajn limojn rilate al siaj propraj celoj, kaj konservi am- kaj zorgoplene la permanentajn valorojn de la intimeco de ĉiu nacio.*

El la mallongaj konsideroj supre faritaj ni tre bone komprenas kial nia genia majstro Zamenhof, kiam kreis Esperanton, atentigis pri la fakto ke ĝia uzado tute ne celis anstataŭi la naciajn lingvojn. Li —eminenta lingvisto— bone komprenis ke la naciaj lingvoj (kiel signifoplenaj simboloj de la konceptopovo de la popoloj) estas la trezorkofroj de ĝia kulturo kaj idiosinkrazio, kaj pro tio estas neanstataŭeblaj kiel instrumentoj por la disvolvigo kaj esprimo de la naciaj valoroj.

Oni devas ankaŭ atenti pri la fakto ke en la estonteco la nacioj devos antaŭmeti la interesojn de la tuto al tiuj de la parto —la interesojn de la homaro al tiuj de la nacio. Tio implikas forlasi multajn privilegiojn kiujn ordinare oni konsideras «justaj»; forlasi ĉiujn klasantaŭjuĝojn kaj nedezirindajn orgojlojn de kelkaj nacioj. Egoismo ne devos havi lokon nek viveblecon en la futura socio.

La estinteco havas fortajn radikojn kaj povon en la konscio de la homo. Akcepti ion novan postulas longan sinsekvon de rezignoj en nia fizika, emocia kaj mensa vivado, tamen mi havas firman, neskueblan esperon kaj fidon pri la fina venko de la homo sur tiuj negativaj kondiĉoj kiuj ĝis nun sklavigis lin.



# MAJA PLUVO



*D-ro. R. Herrero*

La dezirita apero de la unua Bulteno prifarita en Zaragozo efektiviĝis. Kaj tiel kiel ni esperis ĝi estis akceptita plenĝoje de ĉiuj hispanaj samideanoj. La longa prokrasto de la apero, pro la malfacila kaj malglata vojo de la proceduro de la translokiĝo de la Federacio senpaciencigis ĉiujn, kaj tio kaŭzis malbonstaton ĉe la samideanoj. «Bulteno» estas ja, la vivigilo de nia nacia movado kaj ĉiu malregulaĵo ĉe ĝia apero markas nemankeblan malsanon ĉe ni. «Ne estas malbono sen ia bono»: Jen nia konata proverbo! Efektive, la juko, la malplena sopiro, la vakuo... taŭgis por bone taksi la bultenan bezonon. Ni povas aserti —kaj tion pruvis nia lasta kunveno— ke Bulteno estas ŝatata, bezonata kaj dezirata de ĉiuj; kaj, ĉar ni konscias ke, analize, nek la literatura valoro nek la prezentado estis eksterordinaraj, tiuj ŝato, bezono kaj deziro estas la esprimo de kolektiva socifenomeno, kiun ni povas nomigi: Federaciemo! —Ne senefike Bulteno estis kaj estas la esprimilo de nia nacia movado, kies eteco —bedaŭrinda eteco— estas tamen taŭga kondiĉo por naski kvazaŭ familiecan etoson. Sed eĉ tiel, Bulteno estis ĉiam reportilo de la kongresanaj aranĝoj, prenante la pulson de nia kolektiva vivo kaj portos al ĉiuj la fluon de la vivigilo.

La vero de tiu etoso permesas ke, spite de la forpaso de Ludoviko Hernández, kies eta persono gastis tiel grandan personecon! ĉiuj, daŭre, akceptu la «Bultenon» egale avide ol dum lia vigla agado, kaj ke, sendiskute, ĉiuj konsideros ĝin kiel la propran esprimilon.

Federacio kaj Bulteno estas, sen ia dubo, ĉies propraĵoj, kaj okaze de vigla dumkongresa diskuto, tio aperis kiel blindiga lumigado. El ĉiuj regionoj venis multfoje la konstato de tia aserto, kaj por ke ni, kiuj sen grandaj meritoj nek kvalitoj, havis la grandan honoron reprezenti la hispanan movadon, tiu kolektiva sento estis nia prej granda premio kaj kuraĝigo.

Ni konscias pri la eta efiko de nia persona agado, kaj ni konstatadas la malperfektecon de nia esprimilo, kies aperado pardonigis, multfoje, la mankon de elstareco.

Tamen, ni konscias ke, pri la bazaj kondiĉoj, ni trafis, ĉar ni sukcesis unuigi ĉiujn hispanajn samideanojn sub unusola flago: tiu de la Federacio.

Ni sukcesis, ankaŭ, konservi senmakulan sendependencon; neniu influo, neniu timo, neniu apetito ŝancelis nian absolutan neŭtralecon; kaj la folioj de la Bulteno, respegulas tiun spiriton, kies esenco estas la plej estiminda kvalito de nia movado.

Nun, Bulteno aperas en Zaragoza, la urbo kie, laŭdire loĝas obstina kaj nobla popolo. Ni agnoskas tiujn virtojn ĉe niaj aragonaj samideanoj kaj tio estas garantio de persisto sur la linio kiun elektis ĝis nun Federacio kaj Bulteno, je plena kontetiĝo kaj ŝato de nia nacia movado.

La unua Zaragoza Bulteno konfirmas niajn esperojn kaj dezirojn. Ni devas gratuli kaj la Estraron kaj la Redaktoraron; ni ne forgesu ankaŭ ke la plej efika maniero por gratuli la Redaktoraron estas helpi ĝin daŭre kaj regule per alsendo de efika materialo por konstante plibonigi la kvaliton de nia Bulteno.

Nian Federacion gvidas prestiĝa kaj vigla stabo. Ni ĉiuj multon esperas de ĝia kapablo kaj agemo. Sed, ne forgesu ke, por ke ili daŭre laboru, ili bezonas konstati, foje kaj foje, ke ne mankas al ili la subtenon helpon kaj kunlaboron de la tuta samideanaro.

Ni devis esti miloble pli multnombraj ol ni estas. Ne gravas! Ni estu miloble pli agemaj kaj konstruemaj ol ni estas.

Kaj tiel, nia Federacio estos pli forta, pli konsiderinda de ĉiuj, kaj nia bulteno, nia kara bulteno, venos al ni, ĉu dumonate, dum somere kaj dumvintre kiel maja pluvo; tia dezirata pluvo kiu fruktigas, vivigas kaj agrabligas ĉiujn.

Tiel estu!



NEKROLOGO

# D-RO RAFAEL GASTON BURILLO NE PLU INTER NI!

Flugfolieto ĉemetita en la dua numero de BOLETIN avizis al la esperantistaro pri la subita, neatendita forpaso de nia kara, neniam forgesebla amiko, Rafael Gastón. Kiel trafe skribis al ni elstara samideano tiu morto ĉie frapis «kiel fulmo el serena ĉielo», ĉar nenio antaŭvidigis tiun malĝojigan okazaĵon.



La tuta Zaragoza ĵurnalaro aperigis nekrologajn artikolojn pri tiu granda figuro malaperinta kies dimensioj estas ankoraŭ malfacile takseblaj. La tempo reliefigos liajn kvalitojn kiel homo de eksterordinaraj kapabloj, granda talento kaj varma, patra koro. Tion povas ja atesti ĉiuj kiuj iel lin konis kaj traktis. Homo se fortika korpo, larĝa brusto kaj ora koro estis personigo de afableco kaj atentemo.

El la artikoloj aperintaj en la ĵurnaloj ni tradukas la suban de nia Prezindato, esperante doni per ĝi kroman skizon pri tiu vere granda homo kaj fervora denaska esperantisto. — REDAKCIA KOMITATO.

## PROF. D-RO RAFAEL GASTON

Ne timante ke nia amo erarigu al ni, ni povas certigi ke unu el la mortoj plej bedaŭrataj de plej multnombraj personoj al li diversmaniere ligitaj estis tiu de S-ro Rafael Gastón. Ĉar Rafael Gastón, homo tiel bona kaj sindona kiel la plej, bone sciis ke la amon konsistigas la sindono al la aliaj, pro tio trenita de sia amo al ĉiuj homoj senmezure sin donis al ĉiuj kiuj lin bezonis.

Tial, multajn nekrologojn liajn —ĉiuj diversaj kaj vastaj— oni povus skribi. Tamen ĉi tie ni nur aludos, tre mallonge, pri unu el liaj facetoj, tamen unu el la plej kore ŝatataj de li kaj plej enprofundigitaj en lia animo.

Rafael Gastón Burillo estis filo de S-ro Emilio Gastón Ugarte, nomo kiun ĉiuj esperantistoj hispanaj, kaj multaj ne hispanaj —tutcerte ĉiuj aŭstriaj— ne povas ne prononci sen riverenco kaj respekto. Sed li ankaŭ estis heredinto —samkiel ĉiuj siaj gefratoj— de la entuziasmo kaj sekva sindediĉo de sia patro al la lingvo kaj ideo de Esperanto.



Kun serena mieno kaj firma sinteno Dro. Gastón pozas ĉe Esperantista Grupeto en la bela urbo Varsovio okaze la Universala Kongreso de Esperanto. Apud li staras fr. I. Gastón (Sekretariino de H.E.F.) fr. M. P. Gómez (Kasistino de H.E.F.) kay Dro. Sancho Izquierdo (Prezidanto de HEF) pola knabino kaj pola samideano.

Tiel, kvankam troŝarĝita de laboro kiel li vivis, ĉiam kiam ni bezonis lian helpon aŭ ĉeeston li senpere donis ĝin.

La dimanĉon, kiam ni postsekvis la ĉerkon kiu enhavis tiun fortikan korpon de la morto falĉita, portantaj la florojn per kiuj HEF simboligis ĝian amon kaj rememoron, venis en mian menson tiun de alia tago en Varsovio kiam ni ambaŭ iradis kun la florkrono kiun la hispanaj esperantistoj lasis ĉe la tombo de D-ro Zamenhof. Nu, por ĉei tie kiam la hispana esperantistaro tion petis al li, forlasis dum kelkaj tagoj siam advokatoficejon kaj ĉion kion ĉi tie lin retenis kaj vojaĝis al Varsovio. Samkiel poste al Bruselo.

Kaj tiel ĝis la fino. Liaj du lastaj agoj for de sia profesio estis la redakto de du notoj kiujn oni petis al li kaj aperis sen subskribo en la du lastaj numeroj de «Boletín».

Nun li iris multe pli malproksime ol Varsovio aŭ Bruselo. Li supreniris al la ĉielo postlasante kiel luman stelbrilon, la ekzemplon de vivo kiu, jam sekvata de liaj filoj, ankaŭ estos sekvata de liaj nepoj, kvankam ne konis lin; eĉ de tiu kiu jam nomis lin «avo»; sed estas malfacile ke li poste rememoros tion.
Li iris en la ĉielon lasante grandan malplenon en la esperantistaro kaj grandan vakuon en la koro de la esperantistoj, Tie li estos jam renkontanta —kiel diris min persono al mi tre proksima— kun D-ro Zamenhof ......... kaj kiel estas interparolintaj, kiel libere, tiuj du malavaraj kaj sindonaj animoj!

20-11-1963

M. Sancho Izquierdo

Prezidanto de HEF.

# CONMEMORACION DE LA DECLARACION DE DERECHOS DEL HOMBRE

El martes 10 de diciembre, en la reunión habitual del Seminario de la Cátedra «Severino Aznar» de la Institución «Fernando el Católico», de la que es Director nuestro «samideano» y «Prezidanto» de H. E. F. D-ro. Sancho Izquierdo y en la que se viene estudiando la encíclica «Pacem in Terris», al comenzar la sesión y puestos en pie los que ocupaban la Presidencia, recordó el D-ro. Sancho Izquierdo que aquel mismo día se cumplían 15 años de la aprobación por la O. N. U. de la Declaración de Derechos del Hombre y aprovechando su antedicha condición y el corresponder aquel día hablar de los derechos del Hombre en la mencionada Encíclica, mostró el valor de dicha Declaración por las Naciones Unidas, cuyo Organismo es, precisamente, elogiado por Juan XXIII en este documento por la antedicha Declaración.



## ✳ Ni legis por vi...

*VIVO KAJ OPINIOJ DE MAJSTRO M'SAUD. De Jean Ribillard.—Redaktita de Reto Rosetti kun antaŭletero de Raymond Fiquet. — Kovrilo de D. H. Youg. — STAFETO: Beletraj Kajeroj,* 18.—*J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj,* 1963. — 12 x 19 *cm.* 134 (128 *teksto* + 6 *bildo*) - *paĝoj. Prezo*: 1'50 *usonaj dolaroj* (*aŭ egalvaloro*).

Jean Ribillard, stranga homo! Stranga kaj eksterordinara en la tuta senco de la vortoj. Blagamanta kaj ironia en sia profundeco, ridetiga en sia baza seriozeco! (Kiu povus mezuri en li la influon de la Zen-filozofio: paradokse profunda, ŝajne kontraŭlogika...?) De mia amikeco kun li nur restas kelkaj leteroj en miaj arkivoj kaj akreta dodorsento en mia koro.

La ricevo de la libro, afablece sendita al HEF de S-ro. J. Régulo, vekigas en mia memoro nian komunan intereson pri la orientaj filozofioj, speciale pri la Budismo-Zen. Ankaŭ rememorigas al mi bonan, anglan amikinon, per kiu li havis mian adreson kaj eksciis pri miaj interesoj. Bedaŭrinde ili jam forlasis nian mondon;... ili ambaŭ eniris en la nekonatan, senrevenan regionon de la morto.

Kiel bone diras Reto Rosetti en «Noto» ĉe la komenco de la libro, oni devas konsideri al «Vivo kaj opinioj de Majstro M'Saud» kiel la literaturan testamenton de Jean Ribillard, sed io mankas en tiu konsidero: la filozofia flanko de la enhavo. Tiu ĉi libro, tute eksterordinara laŭ enhavo kaj verkstilo havas propran ĉarmon, subtilan allogon. Kiam oni eklegas la libron malfacile povas lasi ĝin ĝis tuta tralego.

La delikata lirismo kiu parfumas la tutan libron, la poeziplenaj bildoj kiujn flugiligas geniaj priskriboj, profunde logis min. M'saud (nomo kiu signifas «feliĉa»), tre penetreme rigardas la vivon kaj eltiras ĝian propran suferigan esencon el la ekstera, multfoje plezuriga ŝajno. Tial en la komenco M'Saud melankolie skribas: «Ĉe la sojlo de la tombo, premegata de jaroj kaj mizeroj, mi intencas raporti la neordinarajn okazojn kiujn mi travivis dum longa vojo sursemita per pli da kardoj ol violoj».

«Kun piastro inter miaj dentostumpoj, vole nevole, mi baldaŭ foriros al la monavida barkisto, kiu veturigos al mi ĉe la suverenan Princon de la Nokto. Tie, senaspira, senpenta, mi fantome pasumos preter la palaj asfodeloj kaj la sterilaj salikoj, kies frondaron neniu zefiro karesas, soifon neniu roslarmo kompatas». (Sed ne eraru, kara leganto, M'Saud ne estas saĝa homo, nek elstara pensulo sed humila... azeno).

Tra la tuta libro, brizo de ekzotikaj moroj, kolorriĉaj vizioj, vivmanieroj al ni strangaj kaj «jam perdintaj» stimulis mian imagon, forviŝis la senton de ĉitiea ĉeesto kaj faris mian konscion travivi alies animstatojn, ĝojojn, timojn...

La lingvaĵo estas nuancoriĉa, originala, kelkfoje «voluptema», pompa... eĉ iome bombasta plurloke.

Kiel ne ĝui pro la filozofio akra, praktika, ironia, de onklo Musa (saĝa azeno, «malsociema epikurano» kiel li sin nomis), mentoro de nia protagonisto. En iu loko li diras: «Oni mortigas homon, oni estas murdisto; oni mortigas milojn da homoj, oni estas konkeranto; oni mortigas ĉiujn, oni estas dio».

La rava priskribo de la naskiĝo de M'Saud en oazo ĉe la pordo de la dezerto; la freŝaj, tute novaj impresoj de azena infano antaŭ la ĉirkaŭaĵo (Oh, mirinda mondo, eksplodo de lumo, belo kaj paco!) kaptis min pro la lerta mikso de poezio, observo kaj sento.

Laŭlonge de la libro, tre akraj observoj kaj pripensoj brodas la rakonton: «Tiu kino... estas tiu moderna kaj demokrata opio kies narkotaj bildoj dormigas la infanajn turmentojn de la popolo». Kune kun tio, melankoliaj elvokoj: «Ho, senmakulaj neĝoj de Hermono, ombraj bordoj de Barada, muzikaj voĉoj de la junulinoj ĉe la fontano! Vi fantome ŝoviĝis en niajn noktajn viziojn por elprovi la kredon de la dubemuloj kaj firmigi tiun de la purkoruloj».

Nia genia stilisto J. Ortega y Gasset ie asertis ke ĉiu verko nepre estas aŭtobiografio aŭ kopiaĵo. Legante ĉi tiun libron mi ne povas liberigi min de la sento ke Jean Ribillard, sub la ironia figuro de filozofiema azeno donis al ni «tre serioze» sian propran opinion pri la vivo; sian propran bildon de la mondo, do, la esencon de sia riĉa kaj vasta spertado. Ni estu dankaj al li!

N. L. ESCARTIN

*RAKONTOJ DE OOGAJ. De Mori Oogai. Trad. Teruo Mikami, Miyamoto Masao, Kikunobu Matuba, Nozima Yasutaro.—Eldonita de Japana Instituto, Hongo-Motomati 1 - 13 Tokio 1963.— 15 x 21 cm. 118 p., tole bindita.—2'70 Usonaj Dolaroj.*

Tiu ĉi volumo kun belaspekta prezento kaj klarvideblaj preskarakteroj estas la n.º 2 de Serio Oriento kaj Okcidento sub aŭspicioj de U.E.A.

Interesa enkonduko de D-ro. Ivo Lapenna pri la origino kaj celo de tiu ĉi serio en la esperanta literaturo.

La libro konsistas el kvaropa antologio de rakontoj; ĉiu el ili havas apartan kaj specialan nuancon kie oni facile rimarkas la personecon de la verkisto. Mori Oogai kvankam japana civitano, loĝis dum kelke da tempo en Eŭropo kaj ties influo estas ofte prezentata en liaj verkoj, kiel ekzemple en la nuna, estas gracie interplektitaj la eŭropa pensmaniero kun la delikata fantazio de orientaj fabeloj kaj legendoj.

La traduko estas korekta kaj se oni kelkfoje trovas neoficia liajn vortojn la tradukintoj mem prave klarigas la kialon.

Entute la libro povas esti konsiderata kiel havinda por ĉiu amanto de la esperanta beletro.

A. SALETE

Similan recenzon ni faros al ĉiu publikaĵo duope ricevita.

---

# INAUGURACION DE UN GRUPO DE ESPERANTO EN VILLAFRANCA DE ORIA

*F. Merayo*

Es Villafranca de Oria un pueblo vascuence de gran relieve industrial. Está situado a 42 kms. de San Sebastián y posee excelentes comunicaciones con todos los puntos de la región, principalmente con la capital, «La Bella Easo», y tiene una población de unos 8.000 habitantes. Su idioma materno, el vascuence, es expresión pura y común de este noble lugar.

Su preocupación por la cultura es constante. La cantidad de centros culturales, colegios de enseñanza, escuelas de formación profesional y academias, es razón evidente de su continuo desarrollo. El carácter profundamente cristiano de sus habitantes se refleja en las numerosas asociaciones religiosas existentes, siendo sus notas características las frecuentes peregrinaciones montañeras, especialmente al Santuario de Aránzazu, situado en Oñate, y las rogativas para una solución de los continuos problemas de la Humanidad.

En este lugar, durante el pasado verano, se inició por primera vez un curso de Esperanto.

Uno de nuestros delegados, procedente del grupo «Fido aj Espero» (Fe y Esperanza) de Valladolid, fijó su residencia en Villafranca de Oria, por motivos profesionales, en los comienzos del año 1962 y comenzó una eficaz propaganda en torno al Esperanto, apoyada por los corresponsales locales de los periódicos de la región guipuzcoana, logrando atraer la atención del señor Alcalde de la villa, quien no sólo aprobó el primer curso, sino que además hizo que el Ayuntamiento lo patrocinara en coordinación con nuestra Federación, colaborando con la cesión de un local dentro de la Escuela Nacional, y sufragando los gastos de propaganda.

Con una conferencia en el salón de actos del Ayuntamiento, empezó el primer curso de Esperanto en el que participaron 75 personas, no solo de Villafranca, sino también de pueblos limítrofes. Destacaba el elemento juvenil; la madurez estaba también representada por cursillistas de hasta 60 años.

Durante el curso, de tres meses de duración que ocupó todo el verano, se recibieron visitas de esperantistas extranjeros procedentes de París, siendo recibidos por el señor Alcalde, don JOSE SARASOLA, quien con perfecta visión para estas manifestaciones culturales expresaba: «El Ayuntamiento de Villafranca de Oria está al lado de todo cuanto, al igual que el Esperanto, represente cultura; por tanto le tenéis a vuestra disposición para cuanto se os pueda ayudar». En su presencia se desarrollaron prácticas de conversación de los alum-

nos con los visitantes del exterior, así como de Valladolid y Alar del Rey, finalizándose con una copa de vino español.

El 12 de septiembre se clausuró el curso, asistiendo todo el Ayuntamiento para presenciar la última lección. La Federación Española de Esperanto se sumó gustosa a la proposición hecha por los finalizantes del curso (que proyectaban la formación de ORDIZIA ESPERANTO GRUPO) para dedicar al señor Alcalde un artístico pergamino nombrándole miembro de Honor Fundador, ya que durante el mismo día se autorizó el funcionamiento del Grupo. Al propio tiempo se entregó a la Autoridad Municipal el cuadro de Honor con las firmas y foto de todos los componentes. Seguidamente proyectóse una película en Esperanto, amablemente enviada por H. E. F.

Este fue el comienzo del Esperanto en la villa, comienzo representado por los 25 alumnos finalizantes.

Desde este reportaje, ORDIZIA ESPERANTO GRUPO, quiere expresar de una manera especialísima su afectuoso agradecimiento a todos los grupos esperantistas, y esperantistas individuales, tanto de España como del extranjero, que tan oportunamente enviaron cartas y telegramas de saludo. Para todos ellos enviamos desde estas líneas un cordial abrazo de agradecimiento. Son de resaltar en especial las gestiones directas del actual Presidente de H. E. F. Dr. D. Miguel Sancho Izquierdo, y la del Dr. Arranz en Madrid, quien de un modo matemático conseguía que Radio Nacional de España, en su diario hablado de las 10 de la noche, difundiera la noticia de la clausura, un cuarto de hora después de haberse efectuado; noticia acogida con el natural interés por toda la villa.

El segundo curso, planteado sobre una base de estudio más intensa, fue iniciado en octubre. La bondad del Ayuntamiento se reflejó de nuevo correspondiendo a nuestra petición de un local, con la adjudicación del mismo, enclavado dentro de una asociación cultural.

Puesto en contacto con la misma se nos sugirió el pasar a formar parte de sus secciones culturales, con fisonomía y administración propias y enteramente orientadas por H. E. F. Dicha asociación denominada en vascuence LAGUNTASUNA (que significa «todos amigos») cuenta entre sus secciones con una excelente rondalla, integrada por 30 ejecutantes mixtos de gran prestigio por cuanto son continuas las solicitudes de su actuación en toda la región y en Francia. Quizás sus componentes accedieran a preparar algunas actuaciones en Esperanto si estas en alguna ocasión les fuesen solicitadas.

El domicilio de ORDIZIA ESPERANTO GRUPO está en CASA TORREA dedicada a la enseñanza (donación de la Excma. Sra. Marquesa de Torre-Tagle). En ella se encuentran las Escuelas de Artes y Oficios, Escuelas Nacionales, Academias Nocturnas y femeninas.

Actualmente asisten 41 alumnos al segundo curso de Esperanto. Componen la sección juvenil 20 miembros presididos por un joven maestro nacional. En período de intenso trabajo se están organizando archivos de postales, folletos de turismo, artículos de prensa, filatelia referente a los Congresos, carteles, y todo aquello que pueda tener interés esperantista con objeto de que en cualquier ocasión este material pueda servir de exposición documentada de nuestro querido idioma auxiliar Esperanto. Quienes posean material sobrante, apto para los fines citados, y deseen colaborar en la formación de los archivos y biblioteca de este Grupo pueden enviarlo contando de antemano con nuestro agradecimiento.

En Villafranca de Oria labora para el Esperanto un grupo de socios dirigidos armoniosamente por su Junta Directiva. Es esta una tarea brindada a los desvelos de H. E. F.

COMPONEN LA JUNTA DIRECTIVA:

*Presidente*
José Manuel Lizaso

*Vicepresidente*
Nicolás Apaolaza

*Secretario*
Pedro Calvo

*Tesorero*
Miguel Redondo

*Bibliotecaria*
M.ª Jesús Oyarbide

*Vocales*
José A. Gutiérrez
M.ª Jesús Múgica
M.ª Aranzazu Mendizabal

SECCION JUVEMIL

*Presidente*
José A. Gutiérrez

*Secretaria*
M.ª Jesús Oyarbide

*Vocal*
M.ª Aranzazu Mendizabal

*Asesor de la Junta*
F. Merayo



**NIAJ PIONIROJ:**

# Sebastián Chaler Arnau

Li naskiĝis en la jaro 1883 en Vinaroz je kamparana familio kiu tiam, kiel la plimulto el la taglaboristaj kamparanoj, konis ekonomiajn malfacilaĵojn. Havante plurajn malpli aĝajn fratojn, la infano Chaler je la aĝo de dek jaroj devis labori kiel laborprenanto en kalfatrejo gajnante 25 centimojn po semajno; poste li fariĝis lernanto de ŝuoriparisto, kaj jam dek kvin aĝa Chaler vokkriis al la stratoj de sia urbo la novaĵojn de la Milito de Kubo kiel ĵurnalvendisto. Sekve li estis lernanto de murpentristo kaj tia laboro restis lia definitiva metio.

Baldaŭ li devis forlasi sian naskiĝurbon kaj familion pro manko de laboro kaj elmigris al Barcelono. En la granda ĉefurbo li konis ĉiajn malfacilaĵojn de izolita junulo for de sia familio kaj malmulte gajnante li devis loĝi en gastejo kaj labori sub mastro.

Tiam la nomo de Tarrasa famiĝis kiel prospera urbo; tien iris la junulo Chaler kaj ekde tiu tempo Tarrasa estis lia vera urbo en kiu vivas, laboras, fondis familion kaj estas aganta por esperanto.

S-ro. Chaler jam tridek aĝa estis invitita de kelkaj amikoj por ĉeesti kurson de esperanto. Li alpledis, ke li ne scias gramatikon, tamen oni konvinkigis lin pri la facileco de esperanto kaj li akceptis ĉeesti la klasojn de la internacia lingvo. La kurson gvidis S-ro Valentín Alavedra. Baldaŭ tiuj amikoj de S-ro. Chaler delasis ĉeesti la leccionojn kaj li finis la kurson kiel nura sed brilanta lernanto. Tuj li komencis viglan korespondadon kaj la sekvanta kurso li jam estis instruisto, tiel forte esperanto kaptis lin.

S-ro. Chaler verŝis en esperanton tutan sian grandan kaj noblan sentimentalecon por la paco de la mondo kaj por la bono de la humilulojn, kaj esperanto proprigis al li vastan kulturon kaj la konscian komprenon, ke la homaro estas unu sola popolo. Tial li aktive partoprenis en la agado kiun prezidis S-ro. Emilio Gastón por helpi la aŭstrajn, tuj post la fino de la unua mondmilito. S-ro. Chaler adoptis en sia hejmo kiel filinon unu el tiuj infanoj kaj tiel fila amo daŭris ĝis nun, ke kiam li, en la pasinta somero, vizitis ŝin en Graz, plenumante faritan promeson kiun honore ne volas lasi sen plenumiĝo, ŝi, la tiama knabino, kaj la tuta samideanaro el Graz ricevis lin kiel veran patron.

S-ro. Chaler majstre gvidis sennombrajn esperantajn kursojn per propra rekta metodo bazita sur lia desegna arto. Tiom da simpatio li havas en Tarrasa, ke kiam li deziris ĉeesti en 1920 la Internacian Esperantistan Kongreson en La Haya (Nederlando) oni faris popularan monkolekton por lin helpi.

Li estis la animo de la tiama grupo Lumon el Tarrasa kaj aktive partoprenis en la esperantista movado de la estinta «Federació Esperantista Catalana» kaj ties regionaj kongresoj. Antaŭ nia milito tiel estis lia aktiveco por esperanto ke eĉ dum la dimanĉoj li vojaĝis 40 Km. ĝis la urbeto Navarcles por tie gvidi kurson; sed alvenis la milito kaj kun ĝi la teruro, la teroro kaj la mizero: la aktiveco por esperanto kaj la esperantismo haltis ĉie.

Forpasis la ŝtormo kaj kun la paco alvenis la espero. Samideano Chaler estis denove esperantista pioniro ĉar li estis el la unuaj kiuj ree vekigis la esperantistan movadon; li komencis kurson de esperanto en sia hejmo kaj la sekvanta jaro estis fondita Esperanto Fako de la Sociedad Coral Juventud Tarrasense kun tiom de vigleco, ke oni povis organizi en 1951 la 12-an Hispanan Esperantan Kongreson, la unuan de la nuna esperantista renaskiĝo en nia patrujo

Nun, la okdek jara Sebastiano Chaler, maljuna je la korpo sed vigla je la animo, daŭras sian oferadon por esperanto kaj en tiu aktiveco dronigas la plej fortajn batojn el sia vivo: la perdo de lia edzino kaj postvivi filon.

Estu tiuj ĉi linioj kontribuaĵo al la omaĝo por la okdek jara dato de lia naskiĝo kaj la kvindek jara jubileo de lia senhalta laborado por esperanto.

*Giordano Moya Escayola.*

---



# LA MARO KANTABRIKA, FURIOZIĜAS

KANTABRIK'!! —brava maro—, en eksplodo ĥaosa,
Ribeliĝis subite kun brutala kolero,
Kaj aŭdace ĝi svingis kun minaca severo,
La perfortojn gigantajn de tempesto kolosa.

La ondegoj ŝaŭmantaj en agito nervoza,
Akvomase leviĝis dum la trista vespero,
Kaj freneze en impet', kun timiga danĝero,
Dronigis personojn en impulso serioza.

Poste... la ekscito de la forta uragano
Kvietiĝis, kaj restis kiel pacoceano;
Kun ripozo serena jam la maro trankvila,

Eĉ ŝajnis ĝi ekfalis en tombeja silento,
Ĝis alia strebado al ŝtorm', —tutmalhumila—,
Furioze ĝin tentos kun malsaĝa prudento.

*M. de Elezcano*
11-63. BILBAO

---

Karaj samideanoj:

El ĉiuj kondolencaj esprimoj ricevitaj pro la morto de nia patro, Rafael Gastón, estas por ni la plej granda kaj kara, tiu de la multnombra esperantista familio.

Ĉiu letero, artikolo aŭ kondolenca frazo esprimata de iu samideano, ŝajnis voli interpreti la senton de la tuta esperanta mondo.

Estas tiamaniere kiel la familio Gastón konsideras kaj dankas emociplene viajn sincerajn esprimojn antaŭ la fino de la ĉefo de tiu ĉi antikva kaj sindonema esperantista familio, kiu malgraŭ sia malfeliĉo, daŭrigos disvastigante kaj pligrandigante la saman fratan ideon, tra la venontaj generacioj.

Ĉiam dankon.

*Emilio Gastón*

# PARA NUESTRO BOLETIN

Donativos recibidos desde 1 de Enero al 31 de Diciembre de 1963

| | | Ptas. |
|---|---|---|
| | SUMA ANTERIOR | 2.155 |
| J. Iranzo | Bilbao | 40 |
| A. Núñez | Pamplona | 40 |
| D. Cebollero | Zaragoza | 40 |
| A. Bohigas | Barcelona | 40 |
| D. Brugués | Barcelona | 40 |
| A. Roca | Barcelona | 40 |
| M. Fernández | Montevideo | 60 |
| E. Roca | Tarrasa | 15 |
| E. Wolf | S. C. de Tenerife | 65 |
| P. Marqueta | Zaragoza | 30 |
| M. Pinilla | Zaragoza | 15 |
| F. Buisán | Palencia | 15 |
| G. Mera | Manresa | 15 |
| M. Ortigosa | Zaragoza | 5 |
| J. Benito | Zaragoza | 5 |
| A. Diaz | London | 15 |
| A. Figuerola | Madrid | 20 |
| M. Sosvilla | S. C. de la Palma | 40 |
| M. Tarragó | Almatret | 40 |
| E. Capdevilla | Barcelona | 40 |
| M. Garriga | Tarrasa | 40 |
| M. Solá | Tarrasa | 80 |
| R. Vizcaino | Valencia | 80 |
| A. Bohigas | Barcelona | 200 |
| P. Mata | Bañolas | 40 |
| F. Iruegas | Vigo | 10 |
| X. X. | Zaragoza | 20 |
| A. Guerrero | Zaragoza | 40 |
| C. Tranque | Valladolid | 25 |
| J. M. Altadill | Gandesa | 10 |
| S. Ortega | Mahón | 40 |
| J. Viladoms | Sabadell | 100 |
| J. Hutessá | Sabadell | 80 |
| F. Gotsens | Sabadell | 15 |
| V. Mateu | Sabadell | 5 |
| P. Bacardit | Sabadell | 40 |
| S. Valadelmás | Sabadell | 40 |
| F. Argemí | Sabadell | 40 |
| Esp. Grupo Payá | Mislata | 267 |

(María, 5; Ana María, 5; Vicentita, 5; Finita, 5; Paqui, 5; Consuelito, 5; Terol, 10; Blasco, 5; Sanchis, 5; Juanito, 5; Vicente 5; Leopoldo, 5; Julio, 5; Joel, 7; Ruiz, 5; Vilaplana, 5; Tonet, 5; Forés, 5; Forés (elc.), 5; Alfredo, 5; Modesto, 5; Ruz, 5; Aparisi, 5; Torregrosa, 5; Serisola, 5; Roque, 5; Pomares, 5; Pepet (elc.), 5; Reig, 5; Santos, 5; Moreno, 5; Críspulo, 5; Roberto, 20; Félix, 5; Albero (H) 5; Pallardó, 5; Batiste, 5; Eliseo, 5; Onnfre, 5; Rafael, 5; Prosper, 5; Valenzuela I, 5; Valenzuela II, 5; Sanjuán, 5; Lozano, 5; Briz, 5; Isaías, 5; Catalá, 5; Alberó (P.), 5.

| | | |
|---|---|---|
| N. L. Escartín | Zaragoza | 10 |
| L. Puig | Sabadell | 30 |
| M. B. de Soler | Sabadell | 40 |
| Sekcio Esp. «La Sabadellense», Sabad. | | 500 |
| F. Abella | Barcelona | 1000 |
| M. Manteca | Caspe | 50 |
| L. B. Teruel | Madrid | 25 |
| J. Régulo | La Laguna | 50 |
| F. V. Mathias | Sologny | 20 |
| R. Calvo | Guía | 25 |
| F. Domenech | Alquería de Aznar | 12 |
| M. Ruiz | Madrid | 10 |
| M. Ortigosa | Zaragoza | 10 |
| E. Pérez | Zaragoza | 40 |
| J. Vigatá | Barcelona | 150 |
| R. Canet | Alicante | 35 |
| F. Font | Barcelona | 20 |
| A. Rodejá | Olot | 40 |
| | SUMA | 6.014 |



Tip. C. Boloix - Armas, 72 - ZARAGOZA

D. L. Z - 375 - 63